XXXIII-a Jaro — N-ro 434 — Januaro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto - Asocio

## UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

**Enkonduko — La rekonstruo de UEA — Lastaj eĥoj de la proceso — La Jubilea Kongreso — La servoj La Oficiala Gazeto — La Jarlibro 1937 — Novaj horizontoj**

### Enkonduko

*Koran bondeziron al ĉiuj por sukcesa kaj agrabla jaro 1937! Kun vi ni deziras, ke tiu-ĉi jaro, la jubilea por nia lingvo, estu paciga kaj donu ekzemplon al la ekslera mondo pri la forto de la ideo nin moviganta.*

*ESPERANTO la organo de UEA nun eniras sian 33-an jaron de ekzisto. Ĝia vivo estas spegulo de l'tempo kaj foliumante malnovajn jarkolektojn oni vidas antaŭ si la marŝon de nia afero, sukceson kaj malon.*

*Hodiaŭ prezentiĝas al vi ESPERANTO sub alia vesto. Respondante al esprimitaj deziroj pri apero pli ofta la Provizora Komitato venis al tiu-ĉi solvo. La gazeto aperos de nun dufoje ĉiumonate, dum julio kaj aŭgusto unufoje.*

*ESPERANTO estinte «oficiala» organo de la movado, ne povis enhavi ion kio trovis aprobon ĉe certaj personoj emaj al fluoj de l'tempo. Libera de ĝena balasto kaj de ĉena kateno ESPERANTO de nun reprenos sian malnovan tradicion de parolanto por progreso, justeco kaj konkordo, kiel ankaŭ de energia defendanto de l'Interna Ideo kaj antaŭ ĉio: Nepra fideleco al la ideoj de D-ro Zamenhof, nia lingva kaj spirita gvidanto.*

La Redakcio.

### La rekonstruo de UEA

Depost la dissendo de la cirkulero al la membroj de UEA pasis 10 semajnoj. Dum tiu-ĉi tempo la Provizora Komitato kunvenis trifoje kaj esploris sinsekve ĉion kio tuŝas la funkciadon normalan de la Asocio kaj de ĝia Oficejo.

Daŭrigas la oficadon de ĉefdelegitoj la jenaj samideanoj en teritorioj:

*Bulgara:*

Radoslav K. Triĉkov (peranto) ul. Knjaĵevska 76, Vraca.

*Estona:*

F-ino Helmi Dresen, Tatari 14-5, Tallinn.

*Finlanda:*

O. Laukkanen, Kluuvikatu 7, Helsinki.

*Greka:*

St. Patsuris, 29 Odos Tsamadou.

*Nederlanda:*

J. Telling, Schietbaanlaan 106, Rotterdam (poŝtĉeko: 2426-19, R-dam).

*Pola:*

J. Ŝapiro, 33 ul. Marsz. Pilsudskiego, Bialystok (poŝtĉeko: 60.047, Warszawa).

*Svisa:*

H. H. Kürsteiner, St. Gallen.

La Provizora Komitato nomis ĉefdelegiton agantan ĝis laŭregula elekto:

*Aŭstria:*

Raimund Ĉech, kalkulrevidento, Lindengasse 8, Wien VII, (poŝtĉeko: A. 197.579, Wien.

### Lastaj eĥoj de la proceso

Kiel sekvo de la cirkulero del' 24a de Oktobro kaj de la Novembra numero de *Esperanto* alvenis arego da leteroj de malnovaj amikoj de UEA. El ili ni represos partojn, plej signifajn pro la animstato de la skribintoj. El ĉiuj korespondajoj ricevitaj estas konstatebla la nescio de la membroj pri la aferoj de l'Asocio pro manko de sufiĉa informado, pere de taŭga aranĝo permesanta al ĉiu samideano partopreni la Jubilean Kongreson. Devizo por nuna jaro estu: Ek al Varsovio!

### La Jubilea Kongreso

La Statuto de UEA, art. 43-45 fiksas la organizon de l'Universala Kongreso. Pro la speciala situacio nunjara kaj la sincera deziro de l'Prov. Komitato ke la nuna kongreso estu jubilea en vera senco de l'vorto, ĝi penadas por trovi bazon de taŭga aranĝo permesanta al ĉiu samideano partopreni la Jubilean Kongreson. Devizo por nuna jaro estu: Ek al Varsovio!

### La servoj

La Provizora Komitato, ekzameninte diversajn proponojn decidis principe la refunkciigon de ĉiuj servoj, kies liston aperigis jam la antaŭaj numeroj de *Esperanto*. Pri la *Servo de Respondkuponoj* aperos definitiva informo pli poste.

*La Kongresa Servo* funkcios ree en Varsovio. Pri ĝi sekvos utilaj informoj dum Marto aŭ Aprilo. Specialan atenton ni donos denove al la *Turisma Servo*, komplete flanklasita depost 1934.

La *Propaganda Servo* entenas de nun la eldonon de ŝlosiloj. Ordiginte la paperojn ni trovis pretajn manuskriptojn en armena, greka, hindustana, turka, suahila kaj malgaŝa lingvoj. Jam ni kontaktiĝis kun korespondantoj pri eldonoj en aliaj lingvoj pri kio ni raportos en venontaj numeroj de *Esperanto*.

Dum ni redaktas ĉi-tiun numeron aperis ŝlosilo laŭ normo de UEA en ĉeĥa kaj en rusa lingvoj. La slava serio de ŝlosiloj kalkulas nun naŭ idiomojn (bulgara, ĉeĥa, kroata, pola, rusa, serba, slovaka, slovena, ukraina).

### La Oficiala Gazeto

De nun la gazeto *Esperanto* aperos dufoje en la monato, 22 numeroj dum jaro, sed kun presita spaco pli ampleksa ol 10 numeroj antaŭa formato. Malgraŭ tiu ĉi plioftigo ne ŝanĝos la abonprezoj aŭ la kotizoj, jam malaltigitaj por la plimultaj landoj. Estas la deziro de la Provizora Komitato igi la gazeton kiom eble plej leginda kaj ĝi danke akceptas bonvolajn kuraĝigon, kunlaboron, konsilon.

### Jarlibro 1937

La Jarlibro de UEA, fidela barometro de la stato de l'Asocio kiel ankaŭ de la tuta movado aperos en nova aranĝo dum 1937. Ĝi ne estos la riĉa jarlibro de la jaroj 1920 ĝis 1934, epoko de la progresado de nia afero. Ĝi ankaŭ ne estos mizera libretaĉo. La jaro 1937 kiu estas jubileo de nia lingvo devos trovi esprimon en la ĉefa eldonaĵo de nia movado: *La Jarlibro de UEA*. La Provizora Komitato studis la faritajn proponojn pri *Jubilea Jarlibro*, kaj principe akceptis. Ĝi aperos dum Majo 1937 laŭ la kutima formato, sed kiel dirite en nova aranĝo.

### Nova horizonto

Pasis baldaŭ kvindek jaroj de kiam aperis tiu ĉi modesta broŝuro — *Unua Libro* — relikvo de nia movado. El la pioniroj aliĝintaj al Esperanto inter 1887 kaj 1900 ne plu vivas multaj. Estis bela ideo de la Loka Kongresa Komitato antaŭvidi kunvenon de la veteranoj de Esperanto ja eĉ feston. Respekte ni kliniĝu antaŭ tiuj bravuloj kiuj konservis la ardan flamon de la juneco kiuj restis fidelaj al la idealo. Kaj ni rigardu plenfide al la estonto. Ideo kiu povas entuziasmigi centmilojn dum relative mallonga tempo, krei spiriton de interhoma frateco kaj de reciproka toleremo, tia ideo neniam pereos. Homoj forpasas, formoj aliiĝas, sed nevenkeble staras nia komuna idealo. Meze de la nuna turmento ni ĉiuj ariĝu sub la Verda standardo simbolo de nia klopodado. Kaj ĉefe ni agu kaj agu.

Provizora Komitato de UEA

## 29-a Universala Kongreso de Esperanto

### La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

**Oficiala komuniko**

*La devizo kaj laborprogramo de la Kongreso.*

Tre Estimataj Samideanoj,

Kiel Vi scias de nia Oficiala Komuniko N-o 2, la Loka Kongresa Komitato volas, ke la Jubilea Kongreso estu esence labora kaj organiza. Ni pensas, ke nia movado postulas, ke LA JUBILEA opiniu pri la plej gravaj demandoj de nia nuna movado kaj donu direktivojn por la plua agado en sekvontaj jaroj.

Nia Komitato volus antaŭ ĉio, ke la Kongreso posedu vere jubilean karakteron, metante je la frunto de ĝiaj laboroj esence realigan vortsignalon por la tuta esperantista movado, nome: la enkondukon de deviga lernado de Esperanto en la lernejojn.

La LKK pensas, ke tiu sugesta vortsignalo devos esti akceptita kiel nepra konkludo de la revuo ĝenerala de nia ĝisnuna movado, la revuo — kiu okazos, kiel decas, dum la Jubilea Kongreso post kvindek jaroj de nia laboro en diversaj landoj kaj en diversaj fakoj de la homara agado.

Ni supozas, ke tiu historia revuo ĝenerala devas preskaŭ aŭtomate eniri en la programon de la Jubilea Kongreso, kiel punkto ne forigebla ne nur pro la historiaj motivoj, sed ankaŭ kaŭze de la praktikaj konsekvencoj, ĉar ĝi tuŝas ĉiujn vojojn de nia plua propagando. Farante tian ĝeneralan revuon dum la Jubilea Kongreso, ni povos tiri imperativajn kaj efikajn konkludojn koncerne ĝustajn vojojn de nia propagando en la diversaj landoj kaj en la diversaj kampoj de nia esperantista agado.

Ni pensas, ke dum la tuta Jubilea Jaro nia devo, la devo de ni ĉiuj esperantistoj, estas fari la jubilean kalkulon de nia kvindekjara agado. Ni opinias, ke ne nur la Kongreso, sed ĉiuj niaj landaj, internaciaj, ideaj kaj profesiaj organizajoj estas alvokitaj per tiu historia momento, per tiu jubilea datreveno, kiun ni travivos estontan jaron, fari tian bilancon. Ni supozas, ke eĉ apartaj izoluloj, studantaj, tiujn problemojn, estas ankaŭ vokitaj al tiuj ĉi laboroj sintezaj, donantaj kiel eble plej kompletan, klaran kaj koncizan bildon de la ĝisnuna atingoj de nia movado. Tiel diritaj bilancoj, historiaj kunmetigoj, resumoj de nia agado devas enhavi egale ĉiujn sukcesojn, ĉiujn gajnojn, ĉiujn rezultatojn pozitivajn, kiel duaflanke ĉiujn nekompletajn atingojn, ĉiujn erarojn kaj ĉiujn malsukcesojn de nia movado. Farante tion, ni celos el tiuj sintezaj bildoj, apogitaj sur la larĝa bazo de nia kinvdekjara eksperimentado kaj praktiko, — tiri konvenajn regulojn same por la estonta propagando kiel por la organiza kaj literatura agadoj.

Ni pensas, ke la karaktero mem de la historia momento, kiun ni travivas en nia movado, antaŭ la Jubilea Kongreso, nin plenrajtigas alvoki ĉiujn organizajojn, verkistojn kaj agantojn de nia movado al la laboro en tiu ĉi direkto, por la preparado de la raportoj, de la artikoloj kaj de la verkoj, kiuj koncernos la historion de la lingvo, de la literaturo, de la propagando kaj de la organizado de nia movado.

Tiaj sintezaj laboroj, preparitaj de specialistoj, konantaj la temon pritraktatan, povos servi kiel bazo al la sekvontaj diskutoj de la fakaj kunsidoj kaj de la Plena Kunsido de la Jubilea Kongreso aŭ kiel prelegoj de la Somera Universitato. Fine ili povos eniri, kiel valora materialo, en la libron de la Jubilea Kongreso, kiun ni esperas povi eldoni post la Kongreso.

Volante doni kelkajn ekzemplojn, kiel ni komprenas tiun ĉi historian taskon de la tuta esperantistaro dum la Jubilea Jaro, ni, nur kiel certajn eblojn, formulas niajn perspektivojn por la tri ĉefaj kampoj de nia ĝisnuna movado:

*Lingvo.*

Sur la kampo de la historio de la lingvo estus dezirinde, ke la specialistoj de tiu ĉi fako, posedantaj sufiĉan sciencan preparon, montru al la publiko esperantista kaj sekve al la alia, kian gradon de la perfekteco kaj de la ĉiuflanka riĉeco atingis nuntempa Esperanto, fidele bazita sur la Fundamento de Zamenhof, dank' al multjara praktika uzado same en la ĉiutaga internacia vivo, kiel en la scienco, en la tekniko kaj en la literaturo; en tiuj lastaj regionoj ĉefe dank' al laboroj kaj talentoj de la kreintoj de la teknikaj vortaroj, de la tradukistoj de la ĉefverkoj de la universala literaturo kaj dank' al la laboro de la originalaj verkistoj.

Estus dezirinde ankaŭ montri, kiel de la leksikologia vortara vidpunkto Esperanto dank' al sia mirinda, facila, preskaŭ nelimigita vortfarado superis en mallonga tempo multajn lingvojn naciajn, kiuj posedas ne nur pli nombran lingvan socion, sed pli longan historion kaj senkompare pli grandan praktikan uzon, kaj malgraŭ ĉio ne posedas ĝis nun, en multaj fakoj de la vivo, kompletan vortaron kaj ofte uzas sensukcese, maltrafe elektitajn neologismojn, aŭ eĉ simple pruntas senŝanĝe vortojn el aliaj lingvoj.

Turnu n. p.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

# ESPERANTISMO

(Daŭrigo : 29-a Kongreso)

*Literaturo.*

La literaturaj akiroj de l'Esperanto same sur la kampo de la tradukoj, kiel sur la kampo de la originala poezio kaj la prozo, presentitaj sinteze, — donus la bildon de tiuj multaj profitoj, kiujn dank' al Esperanto oni povas ĝui jam hodiaŭ, se oni konas tiun ĉi lingvon, kaj la bildon de tiuj aliaj profitoj, aŭ ankaŭ de pli grandaj ebloj, sur la kampo de la kultura ekspansio preskaŭ de ĉiu nacio kaj speciale de la malgrandaj, kiujn profitojn tiuj ĉi nacioj jam akiris aŭ povas akiri en estonteco dank' al Esperanto.

*Historio de la Movado.*

La laboroj koncernantaj la propagandon kaj organizan movadon estus, laŭ nia kompreno, ne nur simplaj monografioj, kiuj estas multe instruantaj por ĉiu movado, sed havos ankaŭ praktikan signifon por la Kongreso, ĉar sur tiu ĉi bazo ĝi eble povus ellabori certajn rekomendojn por la estonteco, por ke nia movado evitu erarojn de la ĝisnuna nia agado, ĉefe la erarojn de la propagando kelkfoje malĝuste direktita aŭ adresita al la medioj malmulte interesitaj pri la problemo de la lingvo internacia.

Metante la historion de la tuta esperantismo en la programon de la Jubilea Kongreso, ni antaŭ ĉio honorigus ĉiujn niajn mortintojn kaj ĉiujn meritplenajn vivantojn, agantojn kaj verkistojn, kiuj dum la unua duonjarcento de nia movado faris de la genia projekto de Zamenhof — lingvon vivantan lingvon riĉan, tutflankan; ni honorigus la pionorojn de la movado, kiuj vokis al la ekzisto novan, vivan kaj ĉiam pli kaj pli kreskantan lingvan socion.

Diskutado de la metodoj de la propagando estus la revuo de ĉiuj iloj, kiujn uzadis aŭ nuntempe uzas la esperantista mondo, celante per amasa movado kreskigi nombron de nia lingva socio kaj kvazaŭ elemente « via facti » enkonduki Esperanton en la internaciajn rilatojn, farante ĝin ĉiutage pli perfekta, pli ĉiuflanka, pli universala en internaciaj rilatoj, kaj se eĉ nun, provizore, fakte ne la sola lingvo internacia, kiel tio restas ĝia fina celo, do almenaŭ unu el kelkaj lingvoj internaciaj inter la disvastigitaj en internaciaj rilatoj naciaj lingvoj, kiel la franca aŭ la angla, aŭ kiel antaŭe estis kaj ankoraŭ restas en kelkaj fakoj la latina.

Fine, la problemo de Interŝtata Akordo pri la enkonduko de Esperanto en lernejojn estus por la programo de la Kongreso kvazaŭ konkludo kronanta ĉiujn ĝiajn laborojn. Ĝi estus la unua provo de la malfermo de la nova vojo, per kiu Esperanto povas senkompare pli rapide eniri en ĝeneralan uzon ol tio ĉi fariĝas ĝis nun sur vojo de la propagando individua aŭ amasa, ĉar en tiu ĉi okazo ĝi fariĝos preskaŭ tuj lingvo internacia de la tuta juna generacio de tiuj landoj, kiuj ĝin devige enkondukus en lernejojn kaj per tio ĉi ĝia lernado estus ankaŭ fakte deviga por ĉiuj, kiujn la profesio devigas lerni lingvojn fakte internaciajn, kiel nun la francan aŭ la anglan.

Tiu ĉi problemo de granda graveco por la disvastigado de Esperanto devas esti antaŭ la Kongreso ĉiuflanke pripensita kaj diskutita en diversaj esperantistaj organizajoj en ĉiuj landoj por bono de la sekvonta Kongresa diskutado. Ni pensas, ke la proponata internacia traktato pri la enkonduko de Esperanto en la lernejojn estus por ĝi la realigo tiel dezirinda kaj granda rapidigo de la enkonduko de Esperanto en ĝeneralan uzon, ke ĝi certigus al Esperanto sekvontan plenan venkon, sed nature eĉ ĝi ne ĉesigus uzadon de aliaj instrumentoj de nia ĝisnuna propagando.

Ni perfekte komprenas, ke oni devas antaŭvidi en estonteco nur laŭgradan anstataŭigadon de ĝisnunaj fakte internaciaj lingvoj per Esperanto, ĉar ankaŭ en la XVIII-a jarcento la lingvo franca nur laŭgrade anstataŭigadis la latinan, kiu eĉ ĝis nun havas ankoraŭ grandajn privilegiojn de la internacieco en kelkaj fakoj de la scienco, kiel medicino, farmacio aŭ botaniko.

La vortsignalo : ESPERANTO EN LERNEJOJN ! sub kiu devas labori la Jubilea Kongreso, postulas, ke ĉiuj esperantistaj organizaĵoj pripensu ĝin serioze rilate al siaj landaj cirkonstancoj aŭ fakaj celoj. Ni dezirus ne pli malfrue ol kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso ricevi el ĉiuj landoj de niaj samideanoj raportojn, montrantajn, kiel la problemo sin prezentas nun en ilia lando, kiej cirkonstancoj favoraj aŭ malfavoraj povus faciligi aŭ malrapidigi la realigon de tiu ĉi celo en okazo de la internacia starigo de tiu ĉi problemo per la registaroj de aliaj ŝtatoj.

Ni tre dezirus kolekti antaŭ la Kongreso ĉiujn sugestojn koncerne la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, kaj ni insiste petas ĉiujn organizitajn samideanojn serioze pripensi tiujn aferojn en iliaj landaj kaj fakaj asocioj kaj alsendi iliajn rimarkojn, sugestojn kaj raportojn antaŭ la 15-a de marto 1937, por ke LKK povu resumi en unu ĝenerala raporto la nunan staton de la afero en la mondo kaj prezenti ĝin al la Kongreso kiel bazon de nia diskutado.

*Loka Kongresa Komitato.*

Varsovio, 4.XII.1936.



*Dokumentaro :*

1. Projekto de la samtempa enkonduko de Esperanto en lernejojn per kelkaj ŝtatoj, — prezentita la 21.5.1920 de d-ro prof. Antoni Czubrynski en Pola Esperantista Societo.

2. Aprobo de tiu ĉi projekto per la kongreso de l'instruistoj kunvokita en Instituto de J. J. Rousseau — 20.4.1922 en Genevo.

3. Projekto de Interŝtata Esperanta Akordo — bazita sur tiu ĉi diskutado.

4. Projekto de d-ro Jan Medrkiewicz prezentita al la Universala Kongreso de Esperanto en Kraków 1931 kaj rekomendoj tiurilataj de tiu ĉi Kongreso.

## Japana Esperantista Sciencista Asocio

Vi eble bone konas la aktivecon de Esperanto-Movado inter japanaj sciencistoj. Jam multaj raportoj aperis en Esperanto el diversaj sciencobranĉoj, meteorologia, medicina, farmacia, kemia ktp. Laŭ la enketo de s-ro Maeda, ĝis nun aperis 43 originaloj kaj 34 resumoj en Esperanto, ekskluzive de medicinaj traktatoj.

En la komenco de tiu ĉi jaro (1936) ni vidis fondiĝon de nova organizo : Japana Esperantista Sciencista Asocio (JESA), kun multaj samideanaj sciencistoj eminentaj ankaŭ en japana scienca rondo.

Por plifaciligi al komencantoj la verkadon de siaj sciencaj raportoj en Esperanto, la nova Asocio formis specialan komisionon de spertaj sciencistoj-Esperantistaj por helpi kaj korekti la sciencajn manuskriptojn. Oni povas esperi plimultiĝon de sciencaj dokumentojn en Esperanto el Japanujo.

La nova Asocio JESA eldonas organon nomatan « Scienco » kvarfoje ĉiujare. Kiel la unua numero de la organo, ĝi eldonis adresaron de Japanaj Sciencistoj-Esperantistoj, laŭ kiu la nombro de tiuj samideanoj superas 450. Detala enketo, kiu poste okazis, montris ke ankoraŭ multaj ne estas registritaj tie. JESA jam eldonis du plurajn n-rojn de la organo, kiuj enhavas studartikolojn pri fakaj terminoj, kiel ekzemple — N-ro 2 : Komunaj vortoj kaj teknikaj vortoj (Okamoto, LK), Pri la raporto de la Aerologia Observatorio (Oishi), Demandoj kaj respondoj pri la terminoj en la Aerologia Raporto (Kawasaki, Kuwahara, Oishi) ; N-ro 3 : Lingva problemo en sciencaj traktatoj (Maeda), Pri Medicina Krestomatio nove eldonita de JEI (Kazama, Suzuki, Jagi, Kuwahara, Kawasaki, Jazaki). Eĥo al mia raporto en Esp. (Taguĉi). Kvankam la organo estas redaktata ĉefe en japana lingvo, ĝi havas mallongan resumon en Esperanto, kaj interesitoj estas petataj sin turni al la abonejo. Jara abono : 3 sv. fr. ; unu provnumero : 0.90 sv. fr.

Abonejo : Sindekityô 2-7, Higasiku, Nagoya, Japanujo.

Redaktejo : Nisinctyô 2-88, Zyûsô, Oosaka, Japanujo.

## Oficiala Informilo de UEA : N-ro 2

### 1937 Januaro 29-a Jaro

**Landaj Asocioj kaj UEA.** — La Provizora Komitato de UEA sendis jenan cirkulerleteron al la Estraroj de la Landaj Asocioj kaj al la ĝisnunaj komitatanoj de UEA :

Ĝenevo, la 10 decembro 1935.

Estimataj samideanoj,

Dum la intertraktadoj en Köln de la 29 julio ĝis la 5 aŭgusto 1933, la reprezentantoj de diversaj Landaj Asocioj esprimis la deziron aligi siajn membrojn al UEA kaj esti reprezentataj en la komitato de la Asocio. Sekve je tio, estis subskribita la 4 aŭgusto 1933 la « *Interkonsento de Kolonjo* » ; UEA renovigis sian statuton dum la vintro kaj submetis ĝin kun detalaj klarigoj al la voĉdono de la Delegitoj dum marto 1934. La 1-an de Majo 1934 ĝi estis akceptita per 730 kontraŭ 10 voĉoj.

La rilatoj de la Landaj Asocioj al UEA estas en ĝia statuto ĉefe reguligataj en art. 12 kaj 13, 30, 36 kaj 37.

Neŭtrala Landa Asocio povas aligi siajn membrojn, pagante po 50 svisaj centimoj por ĉiuj siaj regulaj membroj, kaj rajtas elekti unu aŭ plurajn Komitatanojn.

La pagdevo de Landa Asocio estas kalkulata ĉiujare laŭ la stato de ĝiaj membroj je la 30 junio. Ĝis fino de julio la Landa Asocio devas konigi al la Centra Oficejo de UEA tiun oficialan membrostaton kaj sendi formalan pagpromeson por la sekvonta jaro.

« *Asocio, kiu, malgraŭ averto ne ordigis siajn devojn ĝis fino de julio, aŭ kiu ĝis tiu dato ne transdonis sian pagpromeson, estas konsiderata kiel ĉesiginta la aligon de siaj membroj.* »

En la dokumentoj de la oficejo de UEA ni nek trovis oficialan informon de *via* asocio pri la membrostato je la 30 junio 1936, nek pagpromeson por la administra jaro Novembro 1936 — Oktobro 1937. Pro la malordo, en kiu troviĝis la oficejaj paperoj, ni ne scias certe, ĉu vi sendis pagpromeson, aŭ ĉu almenaŭ la antaŭa Direktoro klopodis dum julio havigi ĝin, kaj vin avertis pri la sekvoj.

Por restarigi bonordon, ni petas vin baldaŭ informi nin :

Ĉu vi sendis pagpromeson por la jaro 1936/37 ?

Ĉu vi ricevis iun informon aŭ averton pri ĝi de S-ro Direktoro Goldsmith dum somero de la kuranta jaro ?

Ĉu vi nepre deziras uzi vian rajton, aligi viajn membrojn al UEA, kaj sekve estas pretaj sendi po 50 centimojn por ili ? Ĉu, rezignante je tiu-ĉi rajto, vi konsideras ke ĉesis la aligo de viaj membroj ?

La propono, krei membrokategorion de UEA po 50 centimoj, estis prikonsiderita kaj rifuzita jam antaŭ la mondmilito. UEA ĉiam konsideris tiun eksperimenton kiel danĝeran, kaj nur cedis en Kolonjo pro la tiamaj promesoj de certaj naciaj reprezentantoj, tutpove varbadi aktivajn membrojn, kiuj pagas Fr. 5.— aŭ pli multe. La rezulto estas, ke la nombro de la aktivaj anoj falis de 7.809 en 1933 al 6.723 en 1934 kaj 4.312 en 1935, kaj ke tiun financan malsukceson la tiama prezidanto provis kovri per procedoj ne allaseblaj en societo sin mem respektanta.

Ni do submetas al vi la suprajn demandojn, ne kun la intenco vin instigi al la aligo de membroj po 50 centimoj, sed simple por krei klaran situacion.

La Komitato de UEA konsistas el : Komitatanoj elektitaj de tiuj Landaj Asocioj, kiuj aligis siajn membrojn ; Komitatanoj elektitaj de la ĉefdelegitoj kaj delegitoj en la aliaj landoj ; kaj el kelkaj pliaj Komitatanoj elektitaj de la supraj Komitatanoj.

Pro la supozata malatento de la antaŭa Direktoro, peti dum somero 1936 la pagpromesojn por 1937, la jura situacio de la Komitatanoj elektitaj de la Landaj Asocioj fariĝis ŝancela jam dum aŭtuno, ĉar tiuj-ĉi Komitatanoj ja reprezentis asociojn, kiuj laŭstatute devis esti konsiderataj kiel ĉesigintaj la aligon de la membroj. Ne estas nia kulpo, se nek la prezidinto, nek la direktinto zorgis ĝustatempe por la enspezoj de la venonta jaro, kaj tiel malebligis al la Komitatanoj funkcii pli longe. Sekve eblaj eksiĝoj de Komitatanoj, kiuj reprezentis Landajn Asociojn ne promesintajn ĝustatempe la repagon, estas jure malgravaj.

Via respondo pri la repago por 1937 decidos pri la konsisto de la Komitato. Ĉar Landaj Asocioj ne pagantaj ankaŭ ne povas esti reprezentataj en la Komitato, UEA elektigos novajn Komitatanojn pere de la ĉefdelegitoj kaj Delegitoj, kaj la afero estos en ordo. Al tiuj ĝisnunaj Komitatanoj de nia Asocio, kiuj sincere laboris por ĝia bonfarto kaj por la paco inter-esperantista, ni esprimas nian sinceran dankon.

Ni petas la Landajn Asociojn respondi ĝis la 25 decembro 1936. Manko de respondo estos konsiderata kiel rezigno al plia pago.

Kun samideanaj salutoj,

Provizora Komitato

K.M. Liniger, *prezidanto.* — Renaud Richez, *vicprezidanto.*

## La premiaro dum 1937

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano, kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 28-an de Februaro 1937 (por la jaro 1937).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu **nova** ano dum la daŭro de l'administra jaro (de l'1-a Nov. 1936 ĝis 31 Oktobro 1937).

3) **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) **Premion** oni rajtas elekti : Frupaganto de kotizo por 1937 : M unu, MA du numerojn el la listo. — Varbanto same por M kaj MA.

## Premioj por frupago kaj varbado

**1** **Bildo de D-ro Zamenhof,** kreinto de nia lingvo. Fotoreproduktaĵo, 10,5 × 15 cm., brunkolora sur luksa kartono.

**2** **Otto Ginz :** *Radio-Vortaro Kvinlingva.* Angla, Ĉeĥa, Esperanto, Franca, Germana. 11 × 15 cm. 218 paĝoj.

**3** **P. Firu - S. Pragano :** *Rumana bonhumoro en* elektitaj rakontoj. 12,5 × 18,5 cm., 52 paĝoj.

**4** **S. Grenkamp :** *Pola folkloro kaj popolkanto.* Kun antaŭparolo de Prof. Zaleski. 10 melodioj kaj 9 ilustraĵoj eksterteksto. Eleganta libro, plaĉa 12 × 20 cm., 60 paĝoj. Plej bela premio nunjara.

**5** **Baghy Julio :** *La Vagabondo kantas.* Simplaj versoj (Nova verko de l'ŝatata poeto bela preso, arta kovrilo, bona papero.) 11,5 × 16 cm. 60 paĝoj.

**6** **Goldoni Carlo :** *Kurioza okazaĵo.* Triakta komedio, El itala lingvo tradukis Mevo. Kun ilustraĵoj. 19 × 12,5 cm., 62 paĝoj.

**7** **Prof. Nothnagel :** *La Mortado.* Prelego profundsenta kaj konsoliga. Trad B. Selzer.

**J. S. Machar :** *Benedek.* Historia portreto el milito 1866. Trad. R. Fridrich. 15 × 21 cm., 24 paĝoj.

**8** **Ekzotika ŝlosilaro de Esperanto :** po unu : Araba, Malaja, Japana, Persa.

**9** **Slava ŝlosilaro :** po unu : Bulgara, Slovaka, Serba, Kroata, Slovena, Ukraina.

**10** **Hans Jakob :** *Universala Esperanto-Asocio.* Historia skizo 1908-1933. 94 paĝoj, formato de la Jarlibro, kun multaj ilustraĵoj.

**11** **Hillar S. :** *Enkonduko en la pedagogion.* Historia skizo. 8 × 11,5 cm. 20 paĝoj.

**Vambéry D-ro R. :** *Kriminologio.* Tradukis D-ro V. Toth. 11,5 × 16 cm. 86 p.

**12** *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado.* Unu ekzemplero laŭ elekto : Jaroj : 1926, 1931, 1933, 1936.

**13** Katolika verketaro konsistanta el 4 libretoj : **Papo Benedikto X-a :** *Kristo kaj la Ligo de Nacioj* — **Frank :** *La Patro.* — **A. v. Krane :** *Graco, atendanta, rakonto el la tempo de Kristo.* — **F. Prast :** *Tarcizio. drama legendo el prakrista heroa tempo.* — *Aldono* : **Sappl :** *Kiel oni fondas kaj organizas Esp. grupon.* Sume 5 broŝuroj.

**14** **E. Drezen :** *Analiza historio de Esperanto-Movado.* Priskribo tendenca laŭ historia materialismo : multaj faktoj forgesitaj. 22 × 14 cm. 94 p. Kun bildoj.

**15** **Kolekto de latinidaj ŝlosiloj :** Po unu : Franca, Itala, Hispana, Kataluna, Portugala, Romanĉa

**16** **Selma Lagerlöf :** *La mono de Sinjoro Arne.* El la sveda lingvo tradukis : Stella Engholm. 110 paĝoj. 14 × 20 cm.

**17** **Kalocsay K. :** Rimportretoj. Galerio de esp. Steloj.

**18** **Selma Lagerlöf :** *La junulino el Stormyr.*

**19** **Kabe :** *Internacia Krestomatio.* 108 paĝoj.

**20** Skandinava *Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto.* (Po unu) Dana, Islanda, Norvega, Sveda.

## Premioj al Subtenantoj

Ĉiu persono paginta kotizon de Subtenanto por la jaro 1937 rajtas elekti unu premion el la sekvanta listo :

**I.** *Ĉeĥoslovaka Antologio.* Broŝ. eldono.

**II.** *Hungara Antologio,* belega libro, 452 paĝa, monumenta verko ornamo de ĉiu biblioteko.

**III.** *Kataluna Antologio.* Verko rekompencita de la Esperantista Akademio. Kompilita kaj plejparte tradukita de Jaume Grau Casas L. K, Dua eldono. Bela preso, luksa papero, ornamo por ĉi biblioteko, Pli ol 400 paĝoj da teksto. 22 × 16 cm.

**VI.** *Bibliografio de Internacia lingvo.* Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7.000 verkojn de 2.000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ, la diversaj sistemoj de lingvoj internaciaj. 560 grand-formataj paĝoj.

**V.** Kolekto de verkoj de **Raymond Schwartz**, konsistanta el kvar volumoj : *Verdkata Testamento.* 124 paĝoj. — *Proza Ridetanta.* 172 paĝoj. — *Anni kaj Montmartre.* 126 paĝoj. — *La Stranga Butiko.* 124 paĝoj. — Kune 546 paĝoj de plej humora teksto.

**VI.** **Yoshi H. Ishiguro :** *Praktika gvido de la Korespondo en Esperanto.* 20 × 13 cm., 310 paĝoj. Fortika bindado. — Kvankam por japanlingvanoj, tiu ĉi libro estas unika objekto por esp. libro-amanto. Multaj ilustraĵoj.

**VII.** *Esperanto-ŝlosilaro.* Kolekto de ŝlosiloj de Esperanto en 30 lingvoj, fiksitaj sur fortika kartono aŭ tolo, dufoje faldita, kun agrafoj por pendigi ĉe muro. Belega objekto, interesa reklamilo kaj alloga ekspoziciaĵo.

**VIII.** *Bensona Universala Esperanto Metodo.* 560 p. Bindita.

**IX.** *Arthistorio, Pentroarto en la malnova Hungarujo.* Pri Moderna Arto. Ĉiuj broŝuritaj.

**X.** Elekto liberbola de dekdu numeroj de la listo 1-20.

Al ĉiu premio de Subtenanto estas aldonota unu ekz. « Pol-Pomeranio ».

## Preztabelo 1937

| Lando : | Mono : | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo .. | Fr. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo... | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 100 | 250 | 800 |
| Ĉeĥoslov. | Kč. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo ... | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto .. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio .. | Kr. | 2 | 5 | 20 |
| Finlando . | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo . | Fr. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| German. | Gmk. | Jara abono : 6 Gm | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungar. . | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo ... | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo . | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio ... | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio .. | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederland. | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzeland. | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo ... | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugal.. | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Fr. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

# LITERATURO

## Sesdek siteloj da brando

**Rakonteto el soveta vivo**

de R. AKULJŜIN.

Uzante multan tempon, monon kaj laborforton ĉiujare dum printempo oni faras plej grandajn klopodojn por ripari ponton, difektitan pro la rompo de la digoj. Plejofte oni ankaŭ sukcesas restarigi la ponton, ligilon tiom gravan por la loĝantoj de ambaŭ bordoj. Tamen la efiko ne proporcie respondas al la farita penado, ĉar la sekureco de la ponto lasas multon por deziri. Kreskis eĉ la opinio, ke glacia surfaco de la rivero permesas pli certan transiron ol la ponto.

Sed ĉi-tiun fojon oni estis tre sagaca, uzante la spertojn de la tekniko por la renovigo de la ponto. Jes, ja, vivu la tekniko! Dank'al ĝi ebliĝis, malfermi la pasejon jam en la unua duono de la somero. Senfinaj vicoj da veturiloj tondris trans la ponton en la vilaĝon al la vendoplaco kaj reen.

Sed la plezuro ne devus daŭri longtempe. Apenaŭ pasis unu semajno post la malfermo, ke evidentiĝis seriozaj mankoj en la konstruado, neatentitaj de la konstruistoj. La plankoj por la piedirantoj ŝanceliĝis sub la paŝantoj, ĉevaloj kaj homoj riskis fali en truojn. La loka aŭtoritato pripensis la aferon kaj en saĝa kompreno dekretis :

« *Por eviti akcidentojn, peze ŝarĝitaj veturiloj ne rajtas transpasi la ponton. Piedirantoj paŝu trankvile kaj atentu kien ili paŝas.* »

Milica soldato estis lokita ĉe la ponto kaj komisiita, observi la atenton donatan al tiu ĉi ordono, kaj respondecigi senindulge malobeemulojn.

Estis ĝuste denove tago de merkato. La *Oficejo por disdono de brando n-ro* 351 *de la Centrosprit* opiniis necese, precize je tiu ĉi tago, ekspedi duĉevalan veturilon, ŝarĝitan per sesdek siteloj de *Grenvino*, nomata ankaŭ rusa amara brando, en grandaj kaj malgrandaj ujoj. Ĝi devas trapasi la ponton. La soveta veturigisto estis malhelpita momente de la gardisto trapasi la ponton, sed pro la grava registara tasko tiu-ĉi ne plu insistis. Decide la veturilo pasas la ponton ĝis la mezo. Sed veturi pli antaŭen ne permesis la sorto. La ponto ne eltenis la ŝarĝon, disfalis kaj, veturigisto, ĉevaloj, plie sesdek siteloj da kvardekgrada brando en boteloj diversgrandaj falis en la ondojn.

Spektaklo prezentiĝis, kiu fulmosimile altiris centojn da homoj je ambaŭ bordoj de la rivero, kiuj rigardis streĉe la klopodojn de la veturigisto saviĝi. Rapidege la sciigo atingis la vendplacon. Ĉiu forlasis sian aferon, la vendistoj fermis la butikojn kaj ĉiuj alkuris al la loko de l'akcidento por helpi — *savi homan vivon, du ĉevalojn kaj (ne forgesinde) la sesdek sitelojn de brando.* — La kamparanoj, grandaj kaj malgrandaj, junaj kaj maljunaj, ne hezitis eĉ momenton. Ili forigis vestaĵojn kaj saltis en la akvon. Instigitaj de tia heroeco sekvis la virinoj ilian ekzemplon.

Kaj la klopodoj havis videblan sukceson. Sentime ili subakviĝis kaj la malseka elemento redonis al ili botelon post botelo de al brando, kiun ili tuj kaj plenĝue eltrinkis.

« *Subakviĝu daŭre, trinku kaj trinku konstante tiom kiom koro deziras.* »

Kaj malproksimen sonis la kanto de la savantoj. Dezerte kuŝis la vendoplaco. Jam ĝis tagmezo la sesdek siteloj de « *Kvardekgrada* » estis savitaj kaj ankaŭ « konservitaj ».

Mankis nur la veturigisto kaj la du ĉevaloj. En la vilaĝo tremis la domoj pro la kantoj de la ebriaj kamparanoj. La korvoj, kiuj zigzagis super la vilaĝo, timplene skuis la flugilojn kaj rapidis forflugi.

(El la rusa : G. A.)

## El Literatura Leksikono

Aperis antaŭ 25 jaroj en Bogota (Suda Ameriko) literatura leksikono kies titolo iom amuza « *Novelistas malos y buenos, juzgados en orden de naciones* ».

Instigis min foliumi la libron. Kelkaj floroj estu elprenataj :

**Baudelaire :** Tre domaĝfaranta poeto, aŭtoro de la danĝera kaj aĉa libro *Les Fleurs du Mal* (1857). Naskiĝis en Parizo kaj mortis ankaŭ tie en azilo.

**Flaubert :** De Rouen. Aŭtoro de romanoj, aĉa cinikulo.

**France :** D.M.A.F. Thiebault. Nask. 1844. Roman-verkisto kritikisto, poeto. Tre malbona laŭ ideoj kaj moralo. Ne mankas homoj kiuj lin konsideras por la plej malbona el ĉiuj nun vivantaj verkistoj, pro sia sendieco kaj besta senmoraleco. Ŝatas la paganismon, malamas la kristanismon. Kruco kaj krucumado igas lin furioza. Kaj tiel estas liaj romanoj. Krome li estas revoluciulo.

**Dickens:** Anglo, fama romanverkisto, sin detenis de aĉaĵoj. Tamen kelkaj el liaj amhistorioj ne estas tute senriproĉaj.

**Goethe :** De Frankfurt a.M. Jura doktoro. Estis unua ministro ĉe la kortego de Weimar. Tre malbonaj ideoj. Lia religio estas miksaĵo de paganismo, falsa filozofio kaj kristanismo. Malmorala tendenco.

*Wilhelm Meister* (4 volumoj) : Malbonaj ideoj, maldelikataj avanturoj, banalaĵoj, diversaj hontindaj pekoj.

**Heine :** Poeto kaj publicisto. Judo, protestanto, deisto. Louis Veuillot diris pri li : « Verdire li vivis, skribis kaj mortis kiel sendia blasfemulo ».

**Thackeraj :** Angla romanverkisto, naskita en Kalkutta. Postkiam li perdis havaĵon, li sinturnis al la arto por vivi el ĝi. Pura amo al arto! Ĵurnalisto, kritikisto.

## Profeto ?

« Plena rang-listo de ĉiuj Generaloj *kaj Generaladjutantoj en la armeoj de la Franca Respubliko...* titoliĝas malnova libro de l' jaro 1796, trovita okaze ĉe librovendisto apud la Seine en Parizo.

Pripensiga estas la legado de tiu ĉi libro. Ni legas nomojn de homoj, kiuj post la jaro de la apero de tiu ĉi libro ludis « certan » rolon en la mondo. Jen oni parolas pri oficiro de la Okcidenta armeo :

— *Buonaparte* (Napoleone), artileria komandanto, leŭtenanto en la jaro 1785. Trairis la gradojn. Brigada Generalo depost la sesa de Februaro 1794. Posedas realajn konojn en sia fako.

Li efektive ilin havis, ĉi-tiujn *realajn konojn...* La verkinto de tiu ĉi juĝo certe ne malmulte miris, iom pli poste.

Jen pri Generalo Moreau kies talentoj kaj kvalitoj estas resumitaj jene :

« distinga oficiro, kiu havas ĉiujn voĉojn por si, kvankam li servas nur dum mallonga tempo ».

Generalo Kleber ricevas la rimarkon : « Bonega oficiro, kapabla ordoni armeon ».

Kaj pri Bernadotte, pli poste reĝo sveda la kritiko diras : « Bona oficiro, rekomendita de la popolkomisarioj ». La plej ampleksan biografion havas Generalo Pichegru, kiu trovis perfortan vivo-finon en la kaptiteco. Je la fino de tiu ĉi kritiko troviĝas : Pichegru estas alta 5 piedoj, tri coloj, marŝas iom kurbe, estas ekstreme simpla, havas viran karakteroplenan fizionomion, parolas malmulte sed tre decide, posedas kuraĝon kiu rezistas ĉiun tenton, nelacigeblan laborpovon, trankvilan kaj trafan rigardon eĉ en la plej arda tumulto de batalo kaj la plej altan gradon de vera modesteco kaj homeco.

Ankaŭ Generalo Berthier unu el plej fidelaj subuloj de Napoleon aperas : « La talentoj de tiu ĉi oficiro, speciale por la Stabo estas tre rekomendindaj ».

Resume : La aŭtoro de ĉi tiuj kritikoj ne malbone trafis, kvankam li ne divenis la suprenirantan stelon de Bonaparte. La genio de la granda korso, ja tamen malatentis la noton donitan en la ranglisto.

(Bukinisto.)

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo**
**de Petro Stojan**

*Per sekvantaj linioj ni komencas publikigi sinsekve serion da artikoloj pri la demando de la evoluo de nia lingvo. La aŭtoro, ano de la Lingva Komitato, resumas en tiuĉi artikolaro rezulton de plurjara observado, de profundaj reserĉoj kaj de akiritaj spertoj.*

*En utila tempo ni malfermos diskutadon pri la ideoj elmetataj de la verkinto.* REDAKCIO.

### I.
### Enkonduko

Kvindek-jara ekzistado de nia lingvo ŝajne ne sufiĉas por ke ĝi havu sian skribitan historion. Tamen, tiu daŭro jam montras en Esperanto plurajn aliformiĝojn, kies signifo aperas post kompara studo de multaj delikataj trajtoj, unuavide senvaloraj kaj hazardaj. Sed, por ekzercita okulo de studanto, etaj aliiĝoj, eknaskantaj simptomoj, iufoje diras pli ol bruaj eksteraj okazintaĵoj. La nevidebla energio, kiu fluetas en fundo de la lingvo, altiĝas kaj refalas, ondas kaj denove trankviliĝas, sekvante siajn vojetojn, kiuj ne obeas al la ekstera reliefo, sola realaĵo kiun vidas la publiko. Ni ne trovas sufiĉe da brilaj eksteraj faktoj en nia lingva progresado por ke ilia elmontro havigu imponan perspektivon, kompareblan al iu nacia galerio kun monumentaj statuoj de gloraj herooj. Sed la internaj signoj de la vivo, kiu pulsas en Esperanto, permesas antaŭvidi, eĉ konscie prepari, morgaŭan progreson, silente ĝermitan el hieraŭa semado.

Ĉiu generacio havas sian taskon. Por dece plenumi la nian, ni unue ekkonu ĝin, kaj poste agu. Nur konservi... verkaĵon de la antaŭuloj, nur esperi... agadon de la posteuloj, — estus perfidi nian idealon. Ĉi tie ni provas difini la taskon de nia generacio, desegnante la viv-fortajn liniojn de la lingvo, kaj daŭrigante ilin al antaŭsentata venonto. Tiel gravuriĝas la direkto, la vojo celita, tra kaoso da personaj opinioj kiuj nun interluktas. Ni klare vidis malfacilaĵojn ĉirkaŭ la laboro por ĉi-skizo. Se ne ĉiam ni sukcesis ilin venki, tio okazis pro limiteco de niaj fortoj. Tamen, granda parto de ĉi libreto ne estas nur produkto de fantazio; ĝi resumas plurjarajn studojn de dokumentoj, neatingeblaj por la plimulto. Parte ili restas en arkivoj, kiel nepresitaj manuskriptoj. Alia parto estas unuatempaj broŝuroj kaj gazetoj, nun maloftaj. Fine, la resto estas fundamentaj verkoj, trastuditaj jam antaŭ la milito.

Ni havas jam dekon da libroj kaj artikoloj, portantaj la titolon : « *Historio de Esperanto* », eĉ « *Historio de la Lingvo esperanto* », kiuj pli-malpli detale priskribas la *movadon*, kun la kongresoj, paroladoj, propagandaj societoj kaj eksteraj okazintaĵoj, — sed kiuj preskaŭ ne tuŝas la lingvon mem. Tamen la vivo ofte postulas, ke ni solvu tiun aŭ alian demandon, ke ni klare prijuĝu iun alternativon, de kiu dependas iomgrade la sorto de nia lingvo. Ankaŭ la regularo de la Lingva Komitato diras ke ĝi « *estas komisiita por zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de la lingvo Esperanto, ...ĝi do esploras ĉiujn lingvajn demandojn kaj solvas ilin laŭ la supredirita j principoj* ». Sed, kiam ni serĉas kie troviĝas tiuj principoj, ni nenie ilin trovas oficiale formulitaj. Kaj la solaj studoj pri la principoj de la lingvo, kiuj estas publikitaj, sed preskaŭ nekonataj, eliris sub la plumo de samideanoj, kiujn la Akademio malatentis. Tiel aperas efektiva manko en nia lingvostuda literaturo, manko de gvidantaj principoj, el kio sekvas neakordebla diverseco de opinioj, kaj eĉ neeblo solvi urĝajn problemojn. Ne pretendante doni principojn ĉi tie, ni volas nur antaŭvidi aspekton de la kampo, sur kiu penos estontaj plugistoj.

Celante ne nur lingvospertulojn de Esperanto, sed ankaŭ pli larĝan publikon, ĉi tiu studo donas materialon por ambaŭ specoj da legantoj, — jen sekan vortoliston, jen bildan priskribon aŭ literaturan rigardon al la vivo de nia lingvo. En ambaŭ kazoj ne estis perdata la bazo de realaj faktoj, observitaj en la lingvo. Vojaĝo tra seka dezerto ja fariĝas pli facila, dank-al verdaj oazoj, kiujn la vojaĝanto renkontas sur sia vojo, kaj en ili ĉerpas refreŝigan forton, tiom necesan por la sukcesonta marŝado.

⁂

La vorto « *historio* » — en la klasika senco — signifas : kronologia rakonto pri herooj kaj iliaj agoj, intencoj, roloj en difinita epoko kaj lando. La vorto « *evoluo* » signifas konkretan disvolvadon de iu proceso, organismo aŭ socio. Ne ekzistas historio de Francujo sen priskribo de la reĝo Ludoviko XVI. Sed povas esti, ke scienca verko pri la franca popolo de la 18-a jarcento tute ne tuŝas la personecon de tiu reĝo, tamen detale studante la staton de tiutempa loĝantaro.

En nia skizo leganto trovos unuan provon esplori la evoluon de Esperanto, konsiderata kiel socia produkto de la kontinenta Eŭropo en la lasta duono de la 19-a jarcento. La eksteran historion de la movado, la leganto trovas en multaj libretoj kaj artikoloj, publikitaj depost 1912.

La evoluista metodo komprenigas la lingvon kiel produkton de la medio, prezentante la faktojn ne kiel hazardajn okazintaĵojn, sed kiel naturajn sekvojn de antaŭaj cirkonstancoj. Tiu metodo montras homojn ne kiel izolajn heroojn, sed kiel idojn de sia tempo, formitajn en la familio, lernejo, societo kaj influatajn de la literaturo. La lingvo spegulas la vivon de la popolo kiu ĝin uzas. Studante vortolistojn de pralingvoj, apartenintaj al nekonataj popoloj, la antropologo pense rekonstruas ilian vivon, difinas klimaton, geografian medion, ekkonas ilian hejmon kaj iomete ilian spiritstaton. Se li nenion scius pri Esperanto, la Zamenhofa vortaro sufiĉus por tia analizo. Li ektrovus, ke la aŭtoro estis kuracisto (abundo da medicinaj terminoj apud manko de alifakaj), loĝinta inter Germanujo kaj Ruslando (originala traktado de okcidenteŭropaj vortoj), trairinta klasikan liceon (influo de la greklatina leksikono), ido de multlingva miksregiono (mozaika konsisto de la radikaro) ktp.

Estas neeble studi evoluon de iu ideo sen tuŝi ĝian materian enkorpiĝon, kiel neeblas esplori devenon de iu organismo sen renkonti poste-signojn de spirito ĝin organizinta. Ankaŭ neeblas analizi socian fenomenon sen trovi en ĝi konvenciajn kaj artefaritajn elementojn, same kiel en ĉiu artefarita produkto necese ekzistas ĝia natura parto.

Iu povus per ĉiuj siaj fortoj penadi por krei ion perfekte artefaritan, malnaturan, konvencian kaj tute novan. Neniel li sukcesus. Trajtoj desegnataj de lia mano ĉiam estos kondiĉataj per ĝia anatomio; fantaziaj bildoj imagitaj de lia penso, respegulos lian mentalecon; kaj liaj plej originalaj elpensoj reproduktos nur malnovajn elementojn ie

ekzistantajn aŭ iam ekzistintajn. La distingo inter la arto kaj la naturo ekzistas nur por supraja okulo. Atenta rigardo sub aŭ super tiu suprajo tuj montras fundan unuecon inter natura fenomeno kaj arta farado.

Tial ni povas studi la lingvon per samaj metodoj, per kiuj ni sekvas evoluon de lepidoptero (papilio) tra ĝiaj stadoj : ovo, raŭpo, krizalido kaj papilio, aŭ — tiun de religio tra ĝiaj fazoj : mito, kulto, rito kaj dogmo. Tie kaj ĉitie nin okupas malpli la ekstera formo ol la interna proceso, — tiu vivofluo kiu kunigas ĉiujn mekanikajn pecojn en unu tuton, kiel ruĝa fadeno en kolringa perlaro.

Sub senmova reto da linioj kaj literoj, tra la kaoso da reguloj kaj esceptoj, en la amaso da frazoj, tekstoj, libroj, — ni serĉis poste-signojn de iliaj aŭtoroj, vivintaj homoj, eĉ tiam, kiam kelkaj el ili penadis liberiĝi de ĉiu homeco, sekigi sian lingvajon per ĉiuj pedantaj manieroj. Ama kaj malama, junviva aŭ neprogresanta, tia aŭ alia, tamen ĉiam pulsis la vivo en manoj de tiuj, kiuj lasis al nia esploro verkojn en Esperanto.

Se ni limigus nin je formala raportado pri Esperanto, de la momento de ĝia publikigo en 1887 ĝis 1937, ni havus antaŭ ni nur unuflankan vidon. La plej interesa parto, la lingvo vivanta, kvazaŭ ne ekzistus. En simila stato troviĝus tiu aŭtoro, kiu volus trakti historion de la franca, limigante sin je la literatura lingvo, kodigita de klasikaj verkistoj en 17-a kaj 18-a jarcentoj, mumiigita per la procedoj de skolastoj, kaj poste de la akademianoj kaj estroj de publikinstrua ministerio. La historio de la franca fariĝas multoble pli interesa, pli vera kaj pli vasta, se oni ĝin traktas komence de la hind-eŭropa familio, tra la kelta kaj latina lingvoj, al la vulgarlatino, provincaj dialektoj, mezepokaj metiaj ĵargonoj, ĝis la nuna popola langajo[1] kun ĝiaj ŝajnaj « eraroj » kaj « pekoj » kontraŭ la oficiala gramatiko.

Unuflanke, la naciaj historioj de la franca, angla, germana lingvo sugestas utilajn ideojn pri tio kiamaniere esperantistoj povus trakti sian lingvon, — aliflanke, la natur-sciencoj donas ankoraŭ pli larĝan komprenon de evolua transformismo. Disvolviĝo de bestoj, plantoj kaj ter-formacioj instruas pri la leĝoj de natura disvolvado, komence de ĝermoj ĝis maturajoj, pri la reciproka influo, pri la medio kiu kondiĉigas kaj modelas, fine pri la organismoj kiuj adaptiĝas al la ĉiam variaj cirkonstancoj, adoptante utilajn funkciojn kaj organojn, perdante la neutilajn. En ia grado tiuj naturaj leĝoj retroviĝas ankaŭ en Esperanto, se oni esploras ĝin parolatan, libere uzatan en vivanta medio, sed ne tian, kia ĝi staras en klasikaj libroj kaj gramatikoj.

Por la klasikulo la lingvo Esperanto aperis subite, kiel *Deus ex machina* de antikvaj tragedioj, kiel *Fiat lux* de la Biblio. Por la evoluisto ĝi estis delonge ĝerminta frukto, maturinta dum multaj generacioj, kaj fine rikoltita per la homo, kiu, en taŭgaj momento kaj loko, troviĝis en la centro de interkrucantaj linioj de sociaj fortoj, influoj kaj ideoj. Nia lingvo estis natura produkto de la konscia homaro, soifanta al la ideala unueco. Produkto simila je la miel-trezoro kiun kolektis miloj da abeloj, modestaj idoj de iu fervora abel-reĝino, ade penintaj en mistera ombro de abelujo.

Por klare ekkapti la naturan sinsekvon de evoluaj fazoj en Esperanto, necesas dispartigo de la koncerna tempo. Tri periodoj sufiĉu. Fakte reliefiĝas inter ili aliaj interfazaj tempoj, kies klasigo estus konvena nur en traktado pli vasta ol nia skizo.

*Unue*, praa aĝo kiu preparis la nunan multlingvecon de Eŭropo, kaj kune la interlingvan parencecon, kies detaloj troviĝas en ĉiu elementa libro de lingvistiko. Sen tio ne ekzistus eĉ la bezono de komuna interlingvo, nek ebleco ĝin konstrui, ĉar mankus elementoj komunaj al pluraj naciaj lingvoj. *Due*, la krea periodo, dum kiu elĝermis la primitiva Esperanto. *Trie*, la periodo de publika agado, kiu ekestis en aŭtuno 1887, kaj kiu daŭras ankoraŭ nun.

[1] langajo = parolata popola lingvo.

## Unua parto

*Rigardo al la Blanka Raso.* — En virgaj pra-arbaroj de tropikaj Afriko kaj Azio, post milionjara zoevoluo, leviĝis la prahomo, kies posteuloj kaj parencoj (antropoidoj) vivas ankoraŭ nun en samaj ter-partoj. Agema parto de la prahomaro migradis al nordo kaj okcidento, al liberaj ebenajoj de Eŭropo. Renkontinte sin tie, la du rasoj (long-kapa rond-kapa) miksiĝis, adaptiĝis al nova klimato, kaj formis plurajn subrasojn, el kiuj la nunaj posteuloj eŭropaj prezentas almenaŭ ses « antropologiajn rasojn » : Nordika, subnordika, alpa, dinara, mezmara kaj altmezmara. Per la nomo « Blanka Raso » ni signas ĉi tie nur du « antropologiajn rasojn » : Nordikan kaj subnordikan (skandinavan kaj vistulan). Ilia komuna trajto estas ekstreme hela koloro de haroj, okuloj, haŭto, — malgraŭ la diferencoj de alteco, kraniformo kaj vizaĝo.

Konsiderinte ĉiujn cirkonstancojn, informojn de modernaj etnografio, antropologio, lingvistiko, folkloro, historio kaj arkeologio, — ni alvenas al defendebla hipotezo, ke la Blanka Raso estis tiu subtavolo, sur kiu — en Eŭropo — formiĝis la hindeŭropa lingvo. La kvar ceteraj eŭropaj rasoj (brunaj, malhelaj) loĝis unue en montaro kaj sur marbordoj, parolante lokajn idiomojn, ne hindeŭropajn : ugrofinna, ligura, baska, ibera, berbera, lelega, pelasga, etruska k.m.a. En postaj migradoj, miksiĝoj kaj interinfluoj — parto da blanka raso adoptis ugro-finnajn dialektojn, kaj preskaŭ ĉiuj brunaj rasoj adoptis hind-eŭropan lingvon, iagrade aliitan en ĉiu grupo, laŭ ĝia loka karaktero. Tiu transformiĝo daŭris tre longe, dum jarmiloj. Fine alvenis « neolitika epoko » (epoko de polurita ŝtonilaro), kies lasta fazo situiĝas eble 7.000 jarojn antaŭ nia tempo. Tiam okazas grandioza transformiĝo de la primitiva vivo. Al estetika arto de afrikeŭropanoj asociiĝas utila industrio de azi-eŭropanoj (hejmitaj ĉevalo, hundo, bovo, kapro, ŝafo, porko ; kulturo de greno, de plantoj ; palisa konstruado, urba civito). Unuafoje aperas materia kaj spirita « kulturo ». En tiu granda miksita amaso detruiĝas originaj difektoj, duobliĝas utilaj virtoj, kaj tiel aperas « blankula » kulturo, kiu varbas brunajn, malhelajn, eĉ nigrajn subrasojn de la kontinento eŭropa kaj marbordo afrik-azia. En tiu transformiĝo ĉefe rolis la klimataj ŝanĝoj, kiuj devigis la homojn inventi, elpensi, krei, organizi, ĉiufoje kiam la naturo ne abunde donis vivrimedojn. Lukto kaj mizero estis plej efikaj instruantoj de la kulturo. Gravas por ni la fakto, ke la origino de ĉiuj postaj mirindajoj estis pratempe la Blanka raso kun sia hind-eŭropa lingvo. kiu formiĝis en la arbaroj sur la ebenajo inter Elbo kaj Volgo, inter Balta kaj Nigra Maroj. Malproksima de glaciaj dezertoj de Norda Poluso, kaj de sufokaj varmejoj de Tropiko, oportuna por terkulturo kaj por laŭborda ŝipado, Eŭropo servis kiel rendevuejo al aventuremaj vaguloj de la tri kontinentoj, kaj estis predestinita lulilo de la plej progresema raso.

Laŭ la klasika teorio, la hindeŭropa lingvo naskis branĉojn, kiuj kun la tempo fariĝis vastaj familioj : aria, balto-slava, teŭta, kelta, greko-latina, k.a. Tiu ideo de unu komuna « Patrin-lingvo » estis nur skolasta respegulo de la bibliaj tradicioj. Ni opinias male, ke la reala vivoproceso estis multe pli komplika kaj tute natura : miloj da lokaj idiomoj, trib-lingvetoj, izolaj dialektoj, dissemitaj en la vasta eŭropa ebenajo, unue sendependaj kaj variemaj, komencis interinfluiĝi pro najbareco, pro ekonomiaj kaj seksaj rilatoj. Poste, luktoj kaj unuiĝoj, militoj kaj kunlaboroj — kondukis al superregado aŭ morala influo de plej fortaj, plej evoluitaj triboj, kiuj disradiis sian lingvon per samaj rimedoj, per kiuj multe pli poste disradiis sian lingvon Parizo aŭ Moskvo al sia submetita landaro. En libera konkurado ja venkis pli taŭgaj formoj. La praa hindeŭropa sistemo, anstataŭ esti komenc-punkto, fakte estis rezulto de alcentrigaj interinfluoj. Tiel moviĝas fersablo, kies eroj el ĉiuj flankoj direktiĝas al unu centra zono de la magneto. Tamen, eĉ en la epoko de plej ega unueco, ne ekzistis *unu* hindeŭropa lingvo, sed nur *aro* da dialektoj, pli-malpli similaj, neniam identaj, sed malsame florantaj ĉiu en sia lando. Perfekta unuecigo, eĉ se ĝi okazus iumomente, ne povus daŭri, ĉar la triboj estis en senĉesa miksado, kreskado kaj degenerado.

*(Daŭrigo sekvos)*

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## Geografio

### Curaçao

La hispanaj konkerintoj, sekvintaj Kolumbon apenaŭ fiksis la kastilian flagon kiel signon de la konkero super la insuloj de Okcidenta Indio, kiam en ĉiuj havenoj eŭropaj foriris ŝiparoj por forpreni al la hispanoj la amerikan riĉajon. La reĝoj de Anglujo, de Skotlando, de Danlando, la dukoj de Kurlando, la rusaj caroj kaj eĉ la kavaliroj de la Malta Ordeno dissendis ŝipojn por minimume certigi al si malgrandan insulon de la Antilioj. Tiel la okcident-inda insularo fariĝis por la eŭropaj marpotencoj lernobjekto por kolonia politiko, kie ili povis montri unuajn pruvojn de kapableco. Efektive ja sukcesis nur malmultaj, la angloj, francoj, nederlandanoj kaj la hispanoj. Sed ankaŭ de la ceteraj popoloj, kiuj perdis iliajn okcident-indajn posedajojn, oni trovas ĉie postesignojn, tiel ke la insularo de la Grandaj kaj Malgrandaj Antilioj ankoraŭ en nuna tempo estas spegulbildo de l'eŭropaj marŝtatoj de la 17-a kaj 18-a jarcentoj. Ekzistas hispanaj insuloj, kie disfalantaj muroj de fortikajoj brakumas malnovajn urbojn kun katedraloj, monakejoj kaj arenoj por torluktado, anglaj insuloj kun novgotikaj misiaj preĝejoj, golfejoj kaj Viskio-trinkejoj, francaj insuloj kie eĉ la plej vagabonda negro estas spritema kaj aminda, holandaj insuloj kie ruĝaj tegoltegmentoj kovras multkolorajn etaĝn ludilsimilajn domojn, kiuj ŝajnas esti starigitaj de bravaj gigantidoj, ordeme kaj bonguste.

Curaçao (elparolu Kurasao) estas holanda insulo kaj Willemstad la ĉefa haveno ne farus ian impreson en la regno de Reĝino Wilhelmina. Nederlandaj domoj, multkoloraj kaj gajaj kiel rondvangaj infanoj, neĝblankaj kornicoj kaj fenestroj, kiuj brilas de pureco, mallarĝaj, preskaŭ malhelaj stratetoj, kiel ankaŭ la avancitaj supraj etaĝoj de la domoj, kiuj kredigas ke ili komunikas gravajn sekretojn inter si. Sed super la tuto pezas arda tropika varmego, tra la stratetoj sin trenas flegmaj negroj kaj promenas lulilpaŝe multkolore vestitaj virinoj. Ankaŭ la ĉirkaŭanta lando ne estas Nederlando kun siaj grasaj verdaj herbejoj, sed senfrukta ŝtona roko el kiu kreskas ŝpareme iaj arbustoj, simile al la Macchia de la Meza Maro.

La insulo estis forprenita el la hispana posedo per la nederlanda kapitano van Walbeeck kaj de tiam ĝi restis, escepte kelkaj interspacoj mallongaj, daŭre en la manoj de la nederlandanoj. La signifo de la insulo neniam troviĝis en la produktado. La lando estas seka kaj malriĉa kaj ne povas nutri eĉ la indiĝenojn. Eĉ la fama likvoro de Curaçao, pli konata ol la insulo mem, ne estas farata tie ĉi. Se oni vizitas gastejon en Willemstad kaj mendas tian likvoron, oni ricevas trinkaĵon enportitan de Nederlando, de kiu la indiĝenoj asertas, ke ĝi estas distilita de oranĝoj el Curaçao. Sed oni ja rajtas pridubi ankaŭ tion, ĉar nenie estas videbla oranĝarbo tie.

Grava estis kaj estas Curaçao kiel komerca centro. Antaŭlokita al la havenmankantaj bordoj de Venezuelo kaj Kolombio, ĝi estis dekomence la natura transitloko por tiuj landoj Dum jarcentoj Willemstad estis la plej granda sklava vendloko Tien oni transportis la nigran varon el Afriko, kaj bienestroj hispanaj, anglaj kaj francaj el la insuloj kaj minposendantoj de la kontinento havigis al si la sklavojn tie.

Postkiam en la 19-a jarcento la sudamerikaj kolonioj senigis sin de la hispana regado, Curaçao ludis strangan rolon kiel asilo por politikaj rifuĝintoj el la najbaraj respublikoj Venezuelo kaj Kolombio, kiuj tie ĉi estis sekuraj antaŭ iliaj sangavidaj kontraŭuloj, ripozis kaj pli poste revenis en la hejmlandon kiel venkintoj. Kiom multe la miriga haveno de Willemstad destinis la insulon por esti la reganto de la venezuelaj bordoj montriĝis en 1903, kiam la germanoj blokis la havenojn de Venezuelo centrigante ŝipojn apud Willemstad ĝis kiam a prezidanto de Venezuelo cedis al iliaj postuloj

Eksterordinare kreskis la graveco de Willemstad kaj Curaçao depost la malfermo de la Panamakanalo kaj depost kiam kreskis la petrolproduktado de Venezuelo tiom gigante. Ĉar la golfo de Maracaibo, kie troviĝas la ĉefaj oleokampoj, ne havas sufiĉan profundecon por permesi aliron de grandaj ŝipoj, oni transportas la oleon en speciale malgrandaj tankŝipoj al Willemstad, kie oni preparas ĝin en grandaj rafinejoj kaj ŝarĝas la pretan petrolon sur ŝipoj por transporti ĝin ĉien. Avantaĝo de Curaçao estas ankaŭ, ke ĝi troviĝas sub ordema administrado nederlanda kaj ne estas sub la influo de revolucioj kaj maltrankviloj en Venezuelo. La ĉefaj rafinejoj apartenas al la Petroleum Industrie Maatschappij, subsocieto de la « Royal Dutch ». Estas kompreneble, ke la politika situacio tiom avantaĝa, kiun ĝuas la anglo-nederlandaj petrolsocietoj en la venezuela negoco, maltrankviliĝis la amerikajn interesulojn. Kaj ĉar la insulo kaŭzas por Nederlando nur elspezojn, oni komprenas ankaŭ, ke en Usono oni pensis akiri de Nederlando ĉi tiun insulon, same kiel oni aĉetis de Danujo siajn okcident-indajn posedajojn. Oni ricevus per tio bonegan havenon naturan, kiu pro efikaj fortikajoj pli bone ol iu ajn alia pozicio povus estri la eniron al la Kanalo de Panamo kaj la marojn de Okcident-Indio. Samtempe la Uniono havus la rimedon, por pli facile direkti siajn aferojn en Venezuelo kaj Kolombio.

Sed ĝis nun la nederlandanoj, ĉiam rifuzis akcepti tiaspecan proponon kaj tutcerte la potencaj petrolsocietoj faros la plejeblon por malebligi tiajn intencojn, je kiuj Nederlando tamen ne tro inklinas sekve de la nova progreso negoca de Willemstad. En la jaro 1918 la ŝipoj alvenintaj nombris 248 kaj en 1924, 1.800 kun 7.000.000 da tunoj de ŝarĝo. Kaj en la lastaj jaroj tie ĉi nombro kreskis konsiderinde. Samtempe regis en la oleorafinejoj plena prospereco. Ja en la monatoj de la venezuela produktado plej alta, ili estis eĉ ne kapablaj kontentigi ĉiujn postulojn kaj oni devis sendi sudamerikan oleon en la rafinejoj de Tampico en Meksiko, kiuj pro la falanta usona produktado ne plene eluzis produktokapablon.

Stranga estas la idiomo parolata sur la insulo, la Papiamente, mikslingvo el holanda, hispana, angla kaj portugala, parolata de la negroj. Apud la nederlandanoj kaj negroj ekzistas multaj judoj, kiuj posedas propran tombejon kun riĉaj monumentoj kaj unu sinagogon. Ili venis tie ĉi de la hispanoj ne nur malpermesis suriri la patrinlandon hispanan sed ankaŭ la amerikajn koloniojn. Sed tie ĉi sub la protekto de la nederlandanoj la hebreoj sukcesis partopreni en la komerco kun Suda Ameriko. Kaj depost kiam malfermiĝis por ili ĉi-tiuj landoj, multaj judoj forlasis Curaçao speciale al Venezuelo, Kolombio kaj Panamo, kie rapide formiĝis grava juda kolonio.

(Laŭ K. v. S. prilaboris G. Boer.)

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève, Svislando.
Red. : Prov. Komitato de U. E. A.

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)
Dato : 8 Janvier 1937